**REVUO DE ESPERANTO NEDERLAND**

***23a jarkolekto n-ro 4 julio - aŭgusto 2018***

# Fenikso

**Esperanto Nederland**



*Lisbono, loko de la 103a Universala Kongreso*

## Someraj renkontoj

## De via redaktoro

Estas la sezono de allogaj eksterlandaj kaj enlandaj renkontoj: la UK en Lisbono, la Esperanto-semajno en Leeuwarden kaj ankaŭ aliaj eventoj alvokas. Do multaj ĝojigaj okazontaĵoj per kiuj mi al vi deziras agrablan tempon. Malĝojiga estas la forpaso de kelkaj fidelaj membroj. Rememoru ni ilin kun dankema respekto.

Piet (Petro) Buijnsters


**ESPERANTO NEDERLAND**

**www.esperanto-nederland.nl**

Estraro: **<estraro@esperanto-nederland.nl>**

*Prezidanto:* Said Mozaffari Baluchi,
**<prezidanto@esperanto-nederland.nl>**
tel. 06 84316394

*Sekretario:* Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH, Wijchen. **<sekretario@esperanto-nederland.nl>**
tel. 024-6455133 aŭ 06-22603379
Pri ĝemelaj urboj: **<pieter.engwirda@gmail.com>**

*Kasisto:* Loes Demmendaal, Duikerlaan 160, 2903 AC, Capelle a/d IJssel. **<kasisto@esperanto-nederland.nl>**
tel.010 2133320

*Estrarano:* (i.a. pri instruadaj aferoj): Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE, Beverwijk.
**<rob.moerbeek@esperanto-nederland.nl>**
tel.0251 231079

*Estrarano:* Andries Hovinga, De Fennen 47, 8918 CC, Leeuwarden, tel.06 28916262
**<andrieshovinga@esperanto-nederland.nl>**
Pri sociaj komunikiloj:
**<sociaj-komunikiloj@esperanto-nederland.nl>**

**Membro-administranto**: Koos Scharroo, Vaartweg 24G, 8382 EB, Frederiksoord.
**<membroj@esperanto-nederland.nl>** tel.06 22413267
Bv. informi pri (ŝanĝoj de) poŝtadreso, telefonnumero, retpoŝtadreso, (eks- kaj ali)membriĝo, pagmaniero

Bankkonto: IBAN: NL 10 TRIO 0786 8441 67 nome de Esperanto Nederland, Capelle aan den IJssel.

UEA-konto: esne-h

Informoj pri Esperanto: Ineke Emmelkamp
Arubastraat 12, 9715 RW Groningen
**<informado@esperanto-nederland.nl>**
tel.050-5718842
Studie-weekeinde:
**<studosemajnfino@esperanto-nederland.nl>**


# Fenikso


**FORUMO DE ESPERANTO NEDERLAND**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto Nederland**
ISSN 1384-6515





Membroj de Esperanto-Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 35,-- (por samdomanoj €12,50); membroj de NEJ pagas € 15,- (ties samdomanoj € 5,--). *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo € 20,-.

Vidhandikapitoj povas ricevi kasedan version per estrarano Rob Moerbeek.

**Redakcio: <redakcio@esperanto-nederland.nl>**
Piet (Petro) Buijnsters - Peppellaan 6, 6663 EW Lent
tel.024 3656815

**Lingva rubriko:** Emiel van Damme, Albert I straat 44, 1703 Schepdaal, Belgio

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno, Belgio

**Eksterlandaj revuoj:** bv. sendi al Gerrit Berveling, Van Vredenburchweg 435, 2284 TA Rijswijk, Nederlando. (Interŝanĝo kun *Fenikso*).

**Esperanto Publike:** nederlandlingvaj artikoloj kaj mencioj pri Esperanto en ĵurnaloj, gazetoj, radio, televido kaj sociaj komunikiloj (interreto) estas bonvenaj ĉe la redakcio. Bv. mencii fonton, daton kaj aliajn detalojn.


## En ĉi tiu numero (i.a.)



**Datolimo**
Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la 10a de aŭgusto 2018.

# Resuma raporto pri la Jarkunveno de Esperanto Nederland
## de la 26a de majo 2018 en De Kargadoor, Utrecht

Ĉi tiu raporto estas nur neoficiala resumo;
la oficiala raporto / protokolo aperos en venonta Fenikso.

Ĉirkaŭ 30 personoj partoprenis en la Ĝenerala Kunveno, kiun gvidis Hiddo Velsink.
Unue oni rememoris la membrojn kiuj en la pasinta jaro forpasis.

La *protokolo pri la ĝenerala kunveno en 2017* estis aprobita.

Pri la *agadraporto 2017* nur aperis resumo en Fenikso. La kompleta raporto disdoniĝis dum la kunveno kaj ankaŭ estas akirebla ĉe la sekretario. Rimarko estis ke en la agadraporto nur estas informoj pri la organizaĵoj ligitaj kun Esperanto Nederland (kluboj, LAR, studosemajnfinoj, k.s.), sed ne pri Esperanto Nederland mem: nombro da membroj, aĝokategorioj, ktp. La estraro donos atenton al tiu rimarko.

Post pozitiva deklaro de la kaskontrol-komisiono *la financaj raportoj pri 2017* estis aprobitaj.

La propono de la estraro *ne ŝanĝi la kotizojn por 2019* post ioma diskutado akceptiĝis.

Ankaŭ la *Buĝeton* kaj *Laborplanon 2018* kaj la *prognozon por 2019* la kunveno akceptis, i.a. ke ekde 2019 *Esperanto Nederland nur kontribuos po €3.000 dum kvin jaroj al la Amsterdama Katedro.* Tio eblas, ĉar la fondita ekstera Katedra Fonduso povas sufiĉe finance subteni ĝin.

La proponitaj *ŝanĝoj en la Interna Reglamento (Huishoudelijk reglement)* aprobiĝis.

Per voĉdonoj la ĉeestantoj aprobis ke *Said Baluĉi ĝis 2019 estos prezidanto*, ke *Rob Moerbeek por nova periodo povas esti estrarana kandidato* kaj ankaŭ *reelektis lin kiel estraranon*.

Per aklamo oni aprobis ke *Said Baluĉi ekde 2019 estos la nova Komitatano A de UEA*.

Pluraj *jubileuloj (pli ol 50jara aŭ 25jara membreco)* laŭdiĝis.

Per donacoj kaj kun aplaŭdo oni dankis *Gerrit Berveling, multjaran redaktoron de Fenikso*, kaj *Madzy van der Kooij* pri ilia laboro por Esperanto Nederland.
Dankon ankaŭ akiris i.a. la instruistoj de la Studosemajnfinoj.

En la kunveno Said raportis pri *la sukcesplena Zamenhoffesto en Lunteren* kaj Andries Hovinga pri la *Zamenhoftago ĉe la pola ambasadejo en Hago* kaj la *Zamenhof-memorkonferenco ĉe la sidejo de UNESKO en Parizo.*

Nome de la ĵurio Piet Buijnsters komunikis ke pri 2017 la *Verloren van Themaat-premio* domaĝe ne aljuĝiĝis, ĉar envenis nur kelkaj nevalidaj kontribuoj.

En la *Ronddemando* estis demando pri *la nova leĝo AVG (Ĝenerala Dekreto Datenprotektado)*, kiu devigas organizaĵojn reguli kaj protekti la datenojn de membroj kaj rilatatoj. La estraro ankoraŭ informos la membrojn pri tio.

=======

Post la Ĝenerala Kunveno en la posttagmezo **Ward de Kock** faris belan kaj tre interesan **prelegon pri Wijtze Nutters**, iama frisa laborista esperantisto.

=======

Piet Buijnsters, redaktoro



Voĉdonado dum la Jarkunveno de Esperanto Nederland

## Rob Moerbeek

**Kavaliro**





Sabate, la 28-an de aprilo, nia kara estrarano kaj multflanka esperantisto Rob Moerbeek estis distingita per reĝa nomumo kiel *Kavaliro en la Ordeno de Oranje Nassau (Ridder in de Orde van Oranje Nassau).*
Kadre de la Malferma Tago en la Centra Oficejo de UEA, oni aranĝis specialan solenaĵon.
La urbestro de Beverwijk, la loĝloko de Rob, faris laŭdan paroladon pri ĉiuj agadkampoj kaj meritoj de Rob por la Esperanto-movado en Nederlando kaj tutmonde, kaj ankaŭ pro lia daŭra sindediĉa agado favore al handikapitoj, precipe blinduloj kaj malfortevidantoj.
La distingito do ne nur en Esperantujo, sed ankaŭ ekster la movado dum jardekoj aktivas por atingi sian idealon: justa socio kun egalaj rajtoj por la tuta homaro. La urbestro finis sian paroladon dirante ke plaĉis al Lia Reĝa Moŝto Willem-Alexander nomumi sinjoron Rob Moerbeek Kavaliro en la Ordeno de Oranje Nassau.
Esperanto Nederland tutkore gratulas al Rob pro tiu ĉi grava distingo, kiun li plene meritas.
Ni esperas ke Rob ankoraŭ longe povos uzi por ni siajn kvalitojn!

# Aperinta




**Jan Hus** (ĉ. 1370-1415), pastro, universitata profesoro en Prago, eklezia reformisto, deklarita herezulo kaj kiel tia brulmortigita dum la Koncilio en Konstanco de la 15a de julio 1415.
Certe la plej grava el liaj religiaj verkoj estas *De ecclesia* (**Pri la eklezio**), kies centrajn ĉapitroj tradukis el la Latina *Gerrit Berveling*.

Kun pli da informoj pri la vivo kaj verko de Hus en la libro.

Eldono: Kava-Pech, Dobřichovice, Ĉeĥio
http://kava-pech.cz

## Novaj nederlandaj ĵurnalartikoloj en Esperanto

*Toon Witkam* denove tradukis artikolojn el ĵurnaloj *Volkskrant, Trouw, NRC*, ktp.
Laste aperis:
* La planoj de la Italoj minacas la stabilecon de la tuta Eŭro-zono
* ''Mi vere maltrankviliĝas pri Usono''
* ''Paco en Eŭropo nur eblas kun Rusio''
* Streĉi ĉiujn fortojn por Facebook kaj Google

Oni senpage kaj sen ensaluto povas legi la artikolojn per www.artikoltraduk.nl



## Nova versio de Amikumu

*Amikumu*, la apo por poŝtelefonoj per kiu en la regiono en kiu oni loĝas aŭ troviĝas, oni povas trovi homojn kiuj parolas iun lingvon, ekzemple esperantistojn.
Por uzi ĝin oni devas aliĝi al Amikumu. Ankaŭ la troveblaj personoj devas esti aliĝintaj. Por Android-poŝtelefonoj nun aperis nova versio.
Vidu: https://amikumu.com/eo

## Kelkaj revuoj ricevitaj

***Monato,*** junio 2018: Kion Japanoj lernis el la katastrofo? (en la fukuŝima nuklea centralo en 2011); Vaflofabriko hejtas tutan kvartalon; Forfikuloj: inter legendo kaj realo; ***Horizon-taal***, n-ro 291: Corry de Cock, een mooi leven en een mooie vrouw (voorvechtster voor de ontplooiing van de arbeiders middels Esperanto); ***Kontakto,*** n-ro 284: (ĉeftemo:) La debato pri homeopatio kiel fono por la scienca scio; ***Revuo Esperanto,*** UEA kaj fortigo - kiel realtigi la membronombon; Estrara raporto 2017.

Piet Buijnsters

# Forpasis

**Fer Polder** (Heemskerk, 19 febr. 1929 – 30 apr. 2018)



Jam junaĝe Fer Polder aŭdis de la gepatroj sekretan lingvon pri aferoj koncernantaj nur ilin. Bona stimulo por aŭskulte pli kaj pli kompreni. Esperanto riĉigis la vivon de nia fervora pac- kaj naturamiko. Jam 59-jara li pensiiĝis de laboroj ĉe la fornegoj en Velsen-norda.

Plej multe li okupis sian liberan tempon riparante kaj gardante naturamikajn domojn, i.a "De Banjaert" en Wijk aan Zee, kiu jubilee eldonis la libreton "Kris Kras" kun liaj plej belaj kontribuoj al la organo de la naturkleriga NIVON kaj kun belaj akvareloj de lia edzino Berte. Li membris en la medi-grupo "Bonkarak-Tera" ("Goed-Aardig" iniciatita de Joke Hoobroeckx) kaj funkciis kiel junulargastejestro en la kastelo Assumburg.
La geedzoj dum 55 jaroj loĝis en Wezerstraat 8 kun belaj ĝardenoj. Kaj ofte li dediĉis sin por amuzi kaj klerigi siajn infanojn kaj genepojn: ĉe la kremacia soleno (en la 9a de majo) nepino nomis lin "super-avo".
Fer lernis Esperanton per la koresponda kurso de la Instrua Servo de FLE. Li ankaŭ partoprenis en kursosemajnfinoj en la 1980-aj jaroj.
Esperanton Fer praktikis en la "Stelrondo" de Heemskerk kaj Beverwijk, sed krome koresponde kaj vojaĝe al Ĉeĥio kaj Hungario, kie li plenĝue povis kontakti ne-plu-fremdajn esperantistojn. Aliflanke ilia hejmo gastigis vizitantojn el mez-Eŭropo.
Lia sonora afabla voĉo longe aŭdigis tekstojn por kasedlegantoj de "Fenomeno" kaj poste "Fenikso". Nur antaŭ jaro li retiriĝis pro ĉiam pli pena legado.
Berte memoras ke ili partoprenis almenaŭ unu FLE-kongreson en Hilversum, kie ili avide sorbis la Esperanto-nomojn de la plantoj vidataj dum ekskurso. Sed ne multajn aliajn kongresojn li ĉeestis.

Liajn pacajn trajtojn laste vidis Joke kun la eksurbestro Wout Hoobroecks kaj Marianne van Gemert kaj mi el lia klubo: ni povis nur konsenti, iom malĝoje, "Estas bone tiel". Ni perdis honestan paciston, naturamikon kaj Esperanto-amikon. Altan fizike kaj ideale. Memorindan!

Rob Moerbeek kun aldonoj de Bert de Wit kaj Joke Hoobroeckx

**Karlo de Bruin (1934-2018)**

La 31an de majo post cerba infarkto mortis Karlo de Bruin en Hilversumo, kie li kun sia edzino Inge de Bruin ekloĝis antaŭ unu kaj duona jaroj. La ĉefa kialo estis ke tie ili estis pli proksimaj al la familioj de la filinoj Wieneke kaj Karla. Sed Karlo restis en sia koro Tvent-ano. Tion atestis ankaŭ la ludado de la Tventa popolkanto fine de la adiaŭa ceremonio en la 6a de junio en Hilversumo.

Karlo naskiĝis en esperantista familio. La patro, Gerrit Paulus de Bruin, estis konata figuro en la laborista Esperanto-movado kiu verkis plurajn librojn (i.a. 'La laborista Esperanto-movado antaŭ la mondmilito'). La gepatroj volis bapti lin Karlo Ludoviko, laŭ Karlo Markso kaj Ludoviko Zamenhof, sed tion la urba oficisto ne permesis en tiu tempo, tiel ke li ekhavis la nomojn Karel Lodewijk.
Karlo studis en Amsterdamo kaj poste eklaboris en la urba administracio kiel esploristo. Li estis tre preciza, kaj havis klaran rigardon al la estonteco. Li longe laboris en Almelo en la sekcio kiu esploris la socian geografion kaj statistikojn kaj faris proponojn por la urbaj politikistoj. Lia iama ĉefo dum la ceremonio rakontis pri la agrabla kunlaboro en tiu tempo kaj kortuŝe adiaŭis en Esperanto per la vortoj 'koran dankon'. Ankaŭ aliaj iamaj kolegoj skribe atestis pri la bona kunlaboro. Karlo en la jaro 1964 organizis vojaĝon al rusa esperantistino por ke liaj kolegoj ekhavu impreson personan pri la ideoj de la ordinara homo malantaŭ la 'fera kurteno'.

>>>

>>>
Kiam li pensiiĝis, li fariĝis Kavaliro en la ordeno Oranĝo-Nasaŭ.

Karlo konatiĝis kun Inge Kooij per Esperanto kaj ili geedziĝis (1973). Naskiĝis Boudewijn, Wieneke kaj Karla. Sed la intensa familia vivo ne malhelpis la geedzojn agadi en la Esperanto-movado. Inge agadis en SAT kaj FLE, Karlo kiel sekretario de la Federacio de Esperanto-Organizaĵoj en Nederlando (FEN) kaj en tiu funkcio multon faris por organizi komunajn aktivaĵojn. Krome, Karlo estis respondeculo en la loka sekcio de Humanistisch Verbond.
En la postaj naŭdekaj jaroj, Karlo kaj Inge, kune kun Marta kaj Abel Lingbeek kunlaboris por la naturamikaj esperantistoj, ekz.e organizante feriosemajnon en Germanio aŭ en la apuda NIVON-domo Krikkenhaar.

Dum la adiaŭa ceremonio oni substrekis liajn mondcivitanecon kaj politikan intereson. Plurajn ĵurnalojn eksterlandajn li legis kaj pri la Dua Mondmilito, kiun li spertis kiel infano en la gepatra domo (kie estis judaj kaŝloĝantoj), li multege sciis. Oni laŭdis liajn toleremon kaj homamon.
Ni danke memoros Karlon kaj kondolencas al Inge kaj la familianoj.

Bert de Wit

# Antaŭ 10 jaroj

## KOMUNA EŬROPA REFERENCKADRO: NIMEGA INVENTO !

Post la jarkunveno de ESPERANTO NEDERLAND la 24-an de majo en Utrecht S-ino Katalin Kovats rakontis pri la ĵusa aperigo de libro pri la Komuna Eŭropa Referenckadro, tradukita de Roel Haveman. Temas pri internacia metodo por fiksi la nivelon de lingvoscio por kiu ajn lingvo. Iam ni difinis la lingvoscion je MULO-nivelo aŭ HBS-nivelo, neklara difino kaj internacie ne-uzebla.

Nun oni fiksas la lingvonivelon tuteŭrope konkrete je Al, A2, Bl, B2, Cl aŭ C2. Eble vi jam renkontis tiun kodigon en artikoloj pri la "inburgeringscursus". Sinjorino Kovats interesstile rakontis pri ĉi tiu nova referenckadro. Kion ŝi ne rakontis (ĉar ne sciis), estas ke tiu referenckadro estis inventita antaŭ proksimume 14 jaroj de la lingvo-instituto EŬROLINGUIST en Nimego (nuntempe en Sionshof). Do tiom nova tiu referenckadro ne estas. Mi tion tiel certe scias, ĉar mi mem estis envolvita en la disvolviĝo de tiu instituto ek de ĝia komenco pro mia funkcio ĉe la Ĉambro de Komerco kaj Industrio de Nimego kaj Ĉirkaŭaĵo.

En 1986 vizitis min sinjorino Marri J. van der Meijden, kiu volis establi instituton en Nimego por instrui lingvojn laŭ tre rapida kaj intensiva metodo, kiun ŝi disvolvis dum siaj jaroj en Afriko. Ŝi petis mian helpon por la surmerkatigo de sia instituto. Mi helpis al ŝi akiri la unuajn klientojn (komercajn entreprenojn) kaj ŝi sukcese kreskigis sian entreprenon. Ĝi iĝis unu el la plej grandaj lingvoinstruejoj en Nederlando. Ankaŭ el eksterlando multaj klientoj venis.

Mi daŭre rilatis kun la instituto. Tiel s-ino Van der Meijden informis min antaŭ ĉ. 14 jaroj pri sia invento de la lingvoscia referenckadro, kiun ŝi bezonis por interna uzo por fiksi la lingvoscian nivelon de siaj kursanoj.

Du jarojn poste la sistemo estis plenkreskinta kaj CITO montris interesiĝon. Tio estis la momento organizi malferman tagon por oficiale enmondigi la Eŭrolinguistan Referenckadron. Mi mem tiel fiksis mian nivelon pri la angla lingvo dum tiu demonstracia tago. Do vi povas imagi, ke mi iom miris kiam s-ino Kovats parolis pri nova metodo.


S-ino Katalin Kovats

Post la enkonduko ĉe Eŭrolinguist, CITO kaj eble aliaj institutoj, la filino de la direktorino, d-rino Marjolijn van der Meijden-Bodegem, kiu finstudis Kognitivan Sciencon en la Radboud Universitato, estis invitita de la EU en Bruselo por tie demonstracii la referenckadron. Tion ŝi faris kaj ŝi estis invitita labori ĉe la EU dum du jaroj por enkonduki kaj internaciigi la metodon. Tiel ekestis la Komuna Eŭropa Referenckadro.

Konante la eŭropan burokration, mi povas kompreni ke nur nun EU lanĉis la sistemon kaj ke pro tio oni konsideras ĝin nova. Sed la radikoj troviĝas en Nimego. La urbo rajtas fieri pri tio. Nur bedaŭrinde ke evidente Roel Haveman kaj Katalin Kovats ne sciis pri ĉi tiu historio.

Malden, Kees Ruig, junio 2008.

2008/4 - 4 FEN-X

# Festi vian lingvon en libera ŝtato.

Tio estas la elirpunkto de **Lân fan taal** (Lando de lingvo). En 2018 Leeuwarden estas la kultura ĉefurbo de Eŭropo. Lân fan taal estas grava parto de ĝi. Multaj institutoj kaj personoj en Frislando kaj (foraj) ĉirkaŭaĵoj kunlaboras por doni estontecon al plurlingveco. Ni invitas vin kunlabori:  vivigi lingvojn, ludi kun lingvoj kaj paroli ilin.
En la apuda ĝardeno de la festejo estas grandegaj paneloj trilingvaj, ankaŭ en Esperanto.

**Esperanto-semajno – 26a de  aŭgusto – 2a de septembro**

**Esperanto-tago – sabaton, la 1an de septembro 2018.**
Dum la unua de septembro okazos speciala Esperanto-tago, kiun Esperanto Nederland, IEI kaj NEJ kune organizos. Okazos koncerto de Jonny M, el Germanio. Li certe vigle kantas kaj prizorgas bonan programon. Dum tiu tago ankaŭ okazos diversaj prelegoj: nederlandlingva kaj en esperanto. Ni provas organizi interesan sabatvesperan programon. Planoj kaj ideoj abundas!

Vidu la provizoran programon sur paĝo 9 de ĉi tiu Fenikso.

**Dimanĉon, la 2an de septembro 2018.**
Leeuwarden estas bela urbo kaj ĝi meritas dutagan viziton. Ĝi havas multajn vidindaĵojn. Ekzemple la ekspozicion *Escher op reis*, la *Ceramikmuzeon*, la *turon Oldehove*.
Tranoktu en la urbo, (vi mem serĉu tranoktejon: hotelon, pere de pasporta servo aŭ kampadejon). Dimanĉe ni invitas vin partopreni interesan urban promenadon. Posttagmeze okazos la oficiala adiaŭo de la Esperanto-semajno. Ni transdonos la vicon al homoj, kiuj parolas la rusan lingvon. Certe estos agrabla, muzikema fino de la semajno.

**La programo de la Esperanto-tago** ankoraŭ ne estas preta. Ĉu ni lunĉos kune? Ĉu ni trinkos kafon kaj gustumos frisan kukon?  Eble ni petos de la partoprenontoj etan financan kontribuon. Sekvu la informojn en nia retejo kaj en fejsbuko.
Aŭ demandu al Ineke (informado@esperanto-nederland.nl)
kaj Andries (andries.hovinga@esperanto-nederland.nl)

Ni kore bonvenigas vin en Leeuwarden!
Andries Hovinga kaj Ineke Emmelkamp

Pli da informoj: https://www.esperanto-nederland.nl  aŭ la Fejsbukpaĝo de Esperanto Nederland.  Pri Lân fan Taal: https://lanfantaal.nl




Lân fan taal



**G. E. MAURA (1901-1991),** pseŭdonimo de Gaston Waringhien.
Franco, profesoro, vortaristo. Prezidanto de la Akademio 1963-1979.

Averto: Por ke nia komentado pri la poemo povu esti ankaŭ utila ekzercado por gelernantoj de la lingvo, ni abunde enŝovis lingvajn rimarkojn.

---

**disiĝo** — scheiding

1

| | |
|---|---|
| **Mia kor'** | *Mijn hart* |
| **estas for,** | *is weg,* |
| **for de mi:** | *weg van mij:* |
| **ĝin perfortis** | *dat overweldigde* |
| **kaj forportis** | *en droeg weg* |
| **unu --- ŝi...** | *ene --- zij...* |

2

| | |
|---|---|
| **Kion fari,** | *Wat doen,* |
| **se ne plori,** | *anders dan wenen,* |
| **dum mi estas dis' de l' kara?** | *wijl'k gescheiden ben van de geliefde?* |
| **Viv' angora,** | *Beklemmend leven,* |
| **viv' amara** | *bitter leven* |
| **ni povas nur memori !** | *we kunnen het ons slechts herinneren.* |

3

| | |
|---|---|
| **Nur ektremo** | *Alleen 'n rillinkje* |
| **de ŝia buŝ',** | *van haar mond* |
| **nura ĝemo,** | *alleen 'n zucht,* |
| **fingrotuŝ' ---** | *'n vingeraanraking* |
| **ĉio estas por l'anim'** | *alles is voor de ziel* |
| **fea sorĉo,** | *feërieke betovering* |
| **kies dolĉo** | *wier zachtheid* |
| **brute sensaĝigas min.** | *mij brutaal verdwaast.* |

4

| | |
|---|---|
| **Kaj mi vagas** | *en ik zwerf* |
| **nun kaj agas** | *nu en handel* |
| **simple kiel frenezul',** | *eenvoudig als een krankzinnige,* |
| **pro brildenta ŝia rido,** | *om haar lach met schittertanden,* |
| **pro la infaneca fido,** | *om 't kinderlijk vertrouwen,* |
| **pro la vigla ĝojavido,** | *om de levendige gretigheid naar vreugde* |
| **kiu de ŝi ŝprucis el okul'...** | *die uit haar oog sproot.* |

5

| | |
|---|---|
| **Mia kor'** | *mijn hart* |
| **estas for,** | *is weg* |
| **for de mi:** | *weg van mij* |
| **ĝin perfortis** | *dat overweldigde* |
| **kaj forportis** | *en droeg het weg* |
| **unu --- ŝi...** | *ene --- zij* |

---

<u>La titolo</u>: **disiĝo.**

Jen ege simpla vorto, kiu tamen povas sugesti multege da aferoj.

Pri kio la leganto unue pensos?

Tre verŝajne pri familio aŭ pli precize pri... paro (duo). Tamen la vorto povas ankaŭ temi°... *gaan over* pri amikoj, grupoj kaj eĉ landoj.

Tiu vorto estas do ege sugesta.

Notindas, ke la titolo ne havas majusklon. Kial?

Tiu manko de majusklo povus surprizi legantojn sed pro ia kialo°, la aŭtoro kutimis ne uzi *reden* majusklojn en la titoloj sed efektive° *inderdaad* jes por la unua vorto de la poemo mem.

<u>Strofo 1.</u> **Mia kor'**
**estas for,**
**for de mi:**
**ĝin perfortis**
**kaj forportis**
**unu ---ŝi...**

Kion tiu **'mia kor'** kompreneble sugestas ?

La amato.

Kion montras tiu nenecesa precizigo **'for de mi'**?

Tio substrekas kroman° fojon° la *bijkomend; maal* okazaĵon, ke tiu foriro forte kortuŝas° *ontroert* lin. Iĝas klare, ke ne temas ĉi tie pri ia ajn foriro. La disiĝo estas do duoble esprimita.

Jen pruvo, ke la afero estas sufiĉe grava.

**Kiel impresas la unua strofo?**

La leganto tuj° komprenas, ke temos *onmiddellijk* pri ia tragika situacio.

Ree al la **rimoj** de la frazo: kio pri tiuj speciale rimarkindas?

Konstatindas, ke eĉ° ene de° la *zelfs; binnen in* frazoj rimoj kreiĝas. Jen nekutima versmetodo, kies sonvaloro° certe **atentigas** la *klankwaarde* leganton !

Kio bone esprimas la **sonvaloron** de la strofo?

Dank' al la **rimoj** (kor-for/fortis-portis) kaj la alterna **ripeto** de vokaloj (o-i), la poemo aperas vere muzike. La strofo akiras° *verkrijgt* kroman ĉarmon kaj aldone°, por la memoro, *erbij* bonan subtenon°. *ondersteuning*

<u>Strofo 2</u> **Kion fari,**
**se ne plori,**
**dum mi estas dis' de l' kara?**
**Viv' angora,**
**viv' amara**
**iu povas nur memori !**

**Kion fari, se ne...=?**
Alivorte, nenio alia imageblas.
**dis' de** = dise de= ?
ne plu kune kun la kara, ni disiĝis°. *scheiden*
Kio estas **angoro?**
= ĝenerala missento (= malbona sento) kaj akcelo° de la spirado° *versnelling; ademhaling*
kaj pulso°. *polsslag*
Notindas, ke ofte oni tiam estas en stato de...
granda maltrankvilo aŭ timego°. *grote angst*
Kio povas esti la kaŭzo de tia **psika stato**?
Eble la manko de perspektivo pri la estonteco°.Tiuokaze jen senespera situacio. *toekomst*
Kia estas lia vivo pro tio?
Ne plu agrabla nek dolĉa, sed **amara**. Klare estas, ke ia vivo sen la karulino tute ne imageblas.
**Rimarkoj pri la versoj de la strofo.**
Jen denove orelfrapaj vort-kombinaĵoj kaj strikta silabo-nombro ! Notindas ankaŭ la bela ritmo de la frazoj. Dank' al tio la poemo disvolviĝas° kvazaŭ° kanto. *zich ontwikkelt; als het ware*
Tio certe **instigas**° la leganton relegi *aanzetten*
la versojn kun atentaj... oreloj !

<u>Strofo 3</u> **Nur ektremo**
**de ŝia buŝ'**
**nura ĝemo**
**fingrotuŝ' ---**
**ĉio estas por l'anim'**
**fea sorĉo,**
**kies dolĉo**
**brute sensaĝigas min.**

Kio estas **ektremo**?
Komenciĝo de tremo, ofte io ege subtila kaj rapida.
Same notindas la bela (kaj lerninda) difino de '**tremi**' el PIV:
esti movata tien kaj reen° *heen en weer*
de sinsekvaj° malfortaj *opeenvolgende*
skuetoj°. *schokjes*
Oni povas **tremi** de...?
malvarmo, senpacienco, timego.
Kiam tia ektremo de ies buŝo povas okazi?
En multaj situacioj la buŝo **emas**° *geneigd is*
iel° reagi ! Tiel ĝi ofte povas *op een of andere manier*
**perfidi**° personajn sentojn. *verraden*
Utila konsilo°: oni sekve° ĉiam *raad, bijgevolg*
zorgeme° regu la reagojn de sia buŝo. *zorgzaam*
**nura** = ?
nur unu (kiel adjektivo)
Temas alivorte pri kiaj agoj°? *daad*

Pri ege subtilaj, tute **ne okulfrapaj**°! *opvallend*
NB: Aliaj vortoj por ndl. '*zucht*' estas: suspiro.
**ĝemi** = ?
esprimi doloran senton per plendaj, ne artikigitaj sonoj (PIV).
Jen saĝeco el la Hebrea Biblio: Kiam regas° *heerst*
malvirtulo°, la popolo ĝemas. *ondeugdzame*
Kial ĝi farus tion?
Tiakaze la popolo timas, ke okazos
**maljustaĵoj**°. *onrechtvaardigheden*
Kun kia voĉo iuj malsanuloj emas paroli?
Kun **ĝema** voĉo.
Kiel povas **efiki** ies° ĝemado sur *iemands*
aliulojn°? *anderen*
Ĝi povas unue ege° **trafi**° *zeer; treffen*
la ĉeestantojn kaj ilin maltrankviligi, sed fin-fine, ĝi riskas ilin... lacigi°. *vermoeien*
**fingrotuŝi** = ?
almeti fingron al io aŭ iu, do ofte dolĉa kontakto.
Parenteze°, ĉu eblus al iu legant(in)o *tussen haakjes*
rememori ian **fingrotuŝon** ege kortuŝan?
Tio tre verŝajne bone imageblas° ! *is voorstelbaar*
Kian scenon oni aliflanke° ne facile *anderzijds*
forgesas?
Kompreneble ian scenon forte... (kor)tuŝan!
Ekzemple?
Eble la ĝentileco° *beleefdheid*
malpermesas° priparoli detalojn°! *verbiedt; details*
Kial '**fingrotuŝ**' sen la finaĵo 'o'?
Por respekti la ritmon de tiu strofo. Samtempe tamen, la **manko de la finaĵo** povas aldone substreki° la malpezecon° *onderlijnen; lichtheid*
de la ago.
Kion tiuj detaloj montras **pri la aŭtoro** mem?
Sian precizan observadon ! Li estas ege atenta pri ĉiaj detaloj ! Li bone kapablas priskribi lian amantinon, kiu malaperis. Jen certe eksterordinara admirado !
Kiam neniu **animo** estas surstrate videbla?
Animo estas ne sensperceptebla forto, rigardata kiel la esenco kaj la ekspliko de la vivo de ĉiu ekzistaĵo (PIV).
**fea sorĉo** = ?
sorĉo de fe(in)o°. *fee*
**fea** = de feo
Kia persono estas do tiu fama 'ŝi' kun tia sorĉo?
Certe ia paradiza virino, ia belulino.
Kiel ia belulino povas ĉiujn **sorĉi** dum iu festo?
Laŭdire simple per sia ĉarma rideto° ! *glimlach*
Tia ulino eĉ ne bezonas paroli por...
**ensorĉi** ĉies korojn!
Iu alia povas ĉarmi nin per sia **voĉo** dolĉe....

**ensorĉanta.**
Kion pensi pri tia virino?
Ŝi certe estas ulino eksterordinare... sorĉa !
Ĉiu imagu kun **delico°**, kio tio povus *delicaat genot*
esti por ŝi tute persone !
NB: Ni tamen bone atentu, ke ne ia **sorĉa**
aperado° influu nian propran *verschijning*
perceptadon°! *waarneming*
Notindas la forta kontrasto inter la du vortoj
'dolĉo' kaj 'brute' !
**sensaĝigas** = ?
Kiu igas iun sensaĝa, do fakte malsaĝa.

<u>Strofo 4</u> **Kaj mi vagas**
**nun kaj agas**
**simple kiel frenezul',**
**pro brildenta ŝia rido,**
**pro la infaneca fido,**
**pro la vigla ĝojavido,**
**kiu de ŝi ŝprucis el okul'...**

**vagi** =?
iri de unu loko al alia sen difinita **celo°**. *doel*
Kial **vaganto** ne plu trovas en sia vivo ian **celon**?
Povas esti multaj kialoj° por tio ! *reden*
Kion signifas tio, ke la aŭtoro nun **vagas**?
Li ne plu havas ian° **celon**. Liaj pensoj *een of ander*
daŭre koncentriĝas al unu sola ulino kaj pro tio
nenio alia povas lin interesi.
**En kia situacio** oni tamen **emas** vagi? (notendas:
'emas' kaj ne 'amas' !)?
Malfacile respondi! Tio certe dependas° *afhangen*
de ĉiu aparte !
Kio sur la ĉielo povas vagi?
La nuboj°. *wolk*
Kia homo fakte estas **vagabondo**?
Jen iu, kiu havas **nek** konstantan loĝejon,
**nek** konstantajn **vivrimedojn°**, *bestaansmiddelen*
**nek** eĉ ian viv**celon** kaj kiu vagadas
almozpetante°. *bedelend*
Kiam oni riskas agi kiel **frenezulo**?
Kiam oni perdas tutan regadon pri si mem.
Kia estas **freneziga** situacio?
Tia, ke oni tute perdas la
sinregadon°. Alivorte, tia, ke oni *zelfbeheersing*
agas sensence°, malsaĝe°. *onzinnig; onwijs*
Oni povas esti aŭ igi iun freneza pro ...
**ĵaluzo; ĝojo,** (senespera) **amo...**
Ĉu vi, kara leganto, iam estis en **freneziga**
situacio?
Jen eble ne tre ĝentila° demando! (Ni *beleefd*
prefere° evitu° la respondon.) *liever; ontwijken*

**Strofo 5**
= Ripeto de la unua strofo. Kion sugestas tio?
Kvazaŭ tio estus refreno de ia kanto. Tio certe
substrekas la muzikan kvaliton de la poemo.
Kaj ambaŭ frazoj finiĝas per la orelfrapa
***'for de mi/unu*** **ŝi'**, kiu rolas kiel vera **sintezo**
de la tuta aventuro.

<u>**Konklude**</u>
Oni povas diri, ke temas ĉi tie pri kia poemo?
Pri ŝajne simpla poemeto kiu tamen, post legado
kun atentaj oreloj, impresas duoble dank' al sia
kantanta ritmo. Oni povas diri, ke ĝi restas en la
memoro kiel kortuŝa melodio.

**Amuza fin-ekzerco: flue retraduki ĉiujn nederlandajn tradukaĵojn kaj uzi ilin en frazo !**

<u>**Zamenhof pri iuj uzitaj vortoj**</u>
ĜEMO (strofo 3)
1) **Profunda la ĝemo, se ne estas emo.**
*Men slaakt een diepe zucht, als men iets doet tegen heug en meug.*
(Espereble la legantoj ne esprimos profundan
ĝemon dum la legado de Zamenhofaĵoj!)
2) **Najbaro ne ĝemas, kiam boto nin premas.**
*Lett.: De buren zuchten niet, wanneer iets ons stoort.*
Alivorte?
Najbaro ĝenerale estas indiferenta pri ...
niaj propraj problemoj.

ANIMO (strofo 3)
1) **Lia animo forkuris en la pinton de la piedo.**
*Lett.: Zijn ziel liep weg in de punt van de voet.*
*De moed zinkt hem in de schoenen.*
Do?
Li preskaŭ svenis° de timo°. *flauw vallen; vrees*
Jen konsterna° reago de ies animo! *verbijsterend*
2) **Ili vivas per unu animo en du korpoj.**
*Lett.: Ze leven met één ziel in twee lichamen.*
*Het zijn twee handen op één buik.*
Pri kiuj tio dirindas?
Pri ege intimaj personoj.

SAĜO (strofo 3)
Z. estis ege inspirita pri tiu vorto. En lia
**'Proverbaro esperanta'** troviĝas multege da
ekzemploj kun la **radiko 'saĝ'**. Interalie:
1) **Ĉiu iras, kiel saĝ' al li diras.**
*Lett.: Iedereen gaat, zoals de wijsheid hem zegt.*
Ĉu jen konvinka° aŭ prefere *overtuigend*
pridubinda° opinio? *te betwijfelen*
Nur akceptebla se oni supozas, ke ĉiu...
aŭdas la voĉon de la... saĝeco.
Eble ne akceptebla tamen por tiuj, kiuj tute ne

volas aŭdi iajn° bonajn konsilojn. *een of ander soort*
Pri kia homo dirindas la supra frazo de Z.?
Eble pri iu, kies konduto iom surprizas?
NB. Ĉu Z. eble volas diri, ke ĉiu posedas propran saĝon?
Tio certe estus ege flata opinio pri ni.
Malsaĝuloj certe ne mankas:
2) **Malsaĝuloj kreskas mem, sen plugo kaj sem'.**
*Lett.: Dwazen groeien vanzelf, zonder ploegen noch zaaien.*
Jen poezia esprimo por pesimisma ideo.
3) **En ĉiu aĝo devas kreski la saĝo.**
*Lett.: Met de jaren moet de wijsheid groter worden.*
Ĉu jen utopia deziro? Ĉiukaze la vivsperto kreskas laŭ la forpaso de la jaroj. Kaj el tiu sperto ni povas akiri vivosaĝon.
4) **Lernu juna, por esti saĝa maljuna.**
*Lett.: Leer jong zijnde, om oud wijs te zijn.*
Ĉu oni vere saĝiĝas lernante?
Z. ŝajnas dubi pri tio, ke ĉiuj maljunuloj estus saĝaj:
5) **Forveturis malsaĝa, revenis ...nur pli aĝa.**
*Lett.: Hij reed onwijs weg, en kwam alleen maar ouder terug.*
Dirindas pri kia iu? Ĉu optimista konstato?
Per miso kaj biso° oni lernas. Kaj *met vallen en opstaan* eble ni lernas plej multe el niaj eraroj?
6) **Post domaĝo venas saĝo.**
*Lett.: Na een letsel komt wijsheid.*
*Door schade en schande wordt men wijs.*
Espereble !
7) **Vergo doloras, sed saĝon... ellaboras.**
*Lett.: De roede doet pijn, maar er komt wijsheid uit voort.*
Eble tio ne veras ĉiam sed certe jen optimista ideo.
Kompreneble, aĝo ne estas garantio por saĝeco, tion ankaŭ Z certe sciis.
8) **Griza barbo saĝon ne atestas.**
*Lett.: Een grijze baard getuigt niet van wijsheid.*
Oldaj barbuloj certe kontraŭdiros tion !
9) **Ne ĉiam per aĝo mezuriĝas la saĝo.**
*Lett.: Niet altijd met de ouderdom wordt de wijsheid 'gemeten'.*
Jen pozitiva opinio por... junuloj!
10) **Saĝo barbon... ne atendas.**
*Lett.: Wijsheid wacht niet op de baard.*
Sama ideo: oni/iu povas esti saĝa eĉ dum sia... juneco.
Sed ĉu saĝeco estas vere dezirinda?
11) **Ofte saĝulo vivas malriĉe kaj malsaĝulo feliĉe.**
*Lett.: Dikwijls leeft de wijze arm en de dwaze gelukkig.*
Ke saĝeco ne estas garantio por feliĉa vivo esprimiĝas ankaŭ en la sekva deklaro:
12) **Pli helpas guto de feliĉo, ol... barelo de saĝo.**
*Lett. Een druppel geluk helpt meer dan een vat wijsheid.*
Jen certe bela guto de... realismo !
Kiel efikas tiu esprimo 'barelo de saĝo'?
Iom ridindige !
Finfine Z. preferas esti saĝulo:
13) **Plej danĝera malsano estas... manko de saĝo.**
*Lett.: De gevaarlijkste ziekte is een gebrek aan wijsheid.*
14) **Pro kapo malsaĝa suferas la kruroj.**
*Lett.: Door een dwaas hoofd lijden de benen.*
*Wat het hoofd vergeet, moeten de benen goedmaken.*
Ĉar tia ulo moviĝas kiel kokino° sen kapo°. *kip, kop*
15) **Por saĝulo sufiĉas... aludo.**
*Lett.: Voor een wijze volstaat een zinspeling.*
*Een goede verstaander heeft aan een half woord genoeg.*
Ĉu certas, ke ĉiuj tiaj ĉiam bone komprenas?
16) **Pli bona estas saĝa malamiko, ol... malsaĝa amiko.**
*Lett.: Een wijze vijand is beter dan een dwaze vriend.*
17) **Malsaĝulo ĉie sian nomon... skribas.**
*Lett.: Een dwaas schrijft zijn naam overal.*
*Dwazen en gekken schrijven hun naam op muren en hekken.*
Alivorte?
Li forte deziras, ke ĉiuj konatiĝu kun liaj pensoj kaj intencoj, li volas enmiksiĝi° *zich bemoeien met* en ĉion. Aŭ ĉu multaj konas lin pro lia malsaĝeco?
18) **Saĝa scias, kion li diras, malsaĝa diras,... kion li ne scias.**
*Lett.: De wijze weet wat hij zegt, de dwaze zegt wat hij niet weet.*
Ĉu saĝo implikas imagi, kion oni ne scias?
19) **Se mi scius, kion mi ne scias, ĉiuj saĝuloj min envius.**
*Lett.: Als ik zou weten wat ik niet weet, dan zouden alle wijzen me benijden.*
Ĉiumaniere modesteco ĉiam konvenas°. *is gepast.*
20) **Saĝulo scias ion, sed neniu scias ĉion.**
*Lett.: Een wijze weet iets, maar niemand weet alles.*

NB. Zamenhof ŝatis esprimi siajn ideojn en **rimoj**. Certe ĉar tia rimado facile **subtenas**° *steunen* la memoron. Jen eble por ni **aldona**° *toegevoegde* **instigo**° por lerni la vortojn. *aansporing*

<u>Tradukekzercoj</u>.
ANTAŬA.
1) Meti/ŝovi plumon sur ies ĉapelon. Fari al iu komplimenton. 2) Multaj plumetoj faras liton. Multaj malgrandaj faras grandan. 3) Esti en sekura haveno, alivorte ne esti en danĝero. 4) Neniu/nenia fumo sen fajro. Nenio okazas sen kaŭzo. 5) Kiam li aŭdis la novaĵon, li estis ege surprizita.
NOVA.
1) De mens is geneigd tot zondigen, maar ik ben niet geneigd dat te geloven. 2) Ik ben geboren uit zonnegloren en een zucht van de ziedende zee (Perk). 3) Hier helpt geen kermen en schreien, er moet gehandeld worden. 4) Sommige ouders laten hun kinderen maar op straat zwerven. (E. Van Damme)

# Renkontoj kaj kunvenoj

**Esperantosemajno en Leeuwarden, kultura ĉefurbo de Eŭropo 2018**
de dimanĉo la 26a de aŭgusto ĝis inkl. dimanĉo la 2a de septembro



Het Naauw en la urbo



MeM-pavilono en Prinsentuin

Provizora programo

- **dimanĉon la 26an de aŭgusto**: fino de la Antila semajno; komenco de la Esperantosemajno
- **merkredon la 29an kaj ĵaudon la 30an de aŭgusto:** en MeM-pavilono:
  Bert de Wit faros prelegon (14 h.) kaj antaŭe aŭ poste donos provlecionojn Esperanto
- **jaŭdon la 30an de aŭgusto** (20 h.): en MeM-pavilono:
  * 11:00 h.: kafotrinkado kun la nord-nederlandaj esperantistoj
  * 20:00 h.: prezentado de *KAJTO*
- **vendredon la 31an de aŭgusto**: en MeM-pavilono: 14:00 h.: provlecionoj
  15:00 h.: prelego; vespere: muzika programo kun i.a. Jonny M.
- **sabaton la 1an de septembro**: (tago organizita de Esperanto Nederland, Internacia Esperanto-Instituto kaj Nederlanda Esperanto Junularo)
  * ek de 10:00 h.: oficiala akcepto en MeM-pavilono kun kafo kaj oranĝkuko
  * ĝis 12:00 h.: en MeM-pavilono: elsendo Omrop Fryslân
  * 11:00 h.: en salono de Tresoar:
  nederlandlingva prelego de Ward de Kock pri *la frisa esperantisto Wytze Nutters*
  * 11:00 h.: en salono de Tresoar:
  esperantlingva prelego de Said Baluĉi (prezidanto de Esperanto Nederland) pri *Kial Esperanto aparte gravas por aziaj intelektuloj?*
  * 13:30 h.: en salono de Tresoar:
  nederlandlingva prelego de Marc Konijnenberg pri *siaj spertoj kiel Esperanto-staĝanto en Bjalistoko*
  * 13:30 h.: en salono de Tresoar:
  esperantlingva prelego de Piet Buijnsters (estrarano de Internacia Esperanto-Instituto) pri *la tragedio de Moresnet (iama Esperantujo) kaj ĝiaj enloĝantoj*
  * 15:00 h.: en MeM-pavilono: *koncerto de Jonny M el Germanio*
  * 19:30 h.: vesperprogramo
- **dimanĉon la 2an de septembro:**
  * 11:00 h.: promenado tra la urbo (kun Esperanto-ekspliko) kaj/aŭ rondveturo per boato
  * 15:00 h.: fermo de la Esperantosemajno; komenco de la rusa semajno

Adresoj: MeM-pavilono en Prinsentuin, 8911 DE, Leeuwarden (900 m. de la stacidomo)
Tresoar-salonoj: Boterhoek 1, 8911 DH Leeuwarden (250 m. de MeM)
Eniroj senpagaj. Kostoj de boatveturo, tranoktoj, lunĉoj, manĝoj por propra konto.

TRE KORAN INVITON!
VENU ĈIUJ!

# Aliaj renkontoj kaj kunvenoj

## En Nederlando

En Hotel de Koopermoolen en Amsterdamo, Warmoesstraat 3-5.
**La Amsterdama Rondo** **<u>Komenco: 15:00 h.<<<<</u>**

- Dimanĉon, la 8an de julio: Klaas Dijkstra montros filmojn pri taksiveturadoj en diversaj grandurboj, subtitolitajn.

Informoj: tel.020 6946073 (Peter) aŭ tel.023 5242643 (Bert)

**Nederlanda Esperanto Junularo (NEJ)**: sabaton la 21an de julio: *OnLine* (perretaj ludoj, interparolado, ktp.) Informoj: www.esperanto-jongeren.nl

**House of Nouws:**: la 6an ĝis inkl. la 8an de aŭgusto: ***Het beste idee voor iedereen*** dum la teatrofestivalo Boulevard en 's Hertogenbosch pri Zamenhof kaj Esperanto ⇦
www.festivalboulevard.nl/nl/programma/id-3437/het-beste-idee-voor-iedereen/

KLUBKUNVENOJ

**Esperantoklubo Noord-Nederland**

- Ĵaŭdon, la 26an de julio, 10:30 h.:

Somerkunveno: Schimmelpenninckhuys, Oosterstraat 53, Groningen

- Ĵaŭdon, la 30an de aŭgusto, 11:00 h.:

Somerkunveno: Lingvopavilono 'MeM' en Prinsentuin, Leeuwarden.
(Esperantosemajno 26 aŭg - 2 sep). Ankaŭ neklubanoj tre bonvenaj!
Ni ariĝos en la stacidomo de Leeuwarden kaj promenos al Prinsentuin.
Informoj ĉe Ineke Emmelkamp (vidu kolofono, p.2)

**Esperantoklubo Alkmaar**
Nia estraro ŝanĝiĝis ekde januaro 2018:
Prezidanto estas: s-ino Tiny Droge, Vicprezidanto: s-ino Margot Koopmans
Kasisto: sinjoro J. Droge; Kontaktadreso: Grevelingen 130, 1826 AR Alkmaar
Retpoŝtadreso ne ŝanĝiĝis: esperanto.alkmaar@gmail.com

## En Belgio

- **BENELUKSA KONGRESO** de la 14a ĝis inkl. la 16a de septembro

Kiu ankaraŭ volas aliĝi, ni petas fari tion rapide.
Estas ankoraŭ sufiĉe da litoj, sed ni devas komuniki la nombron da partoprenantoj.
Bonvolu legi ĉiujn informojn en la retejo: www.esperanto.be/BeneluksaKongreso
retpoŝto: limburg@esperanto.be

Ni ofertas sportojn, prelegojn, atelierojn, koncertojn, kursojn, ...
La programo estas tiel ke vi ĉiam povas elekti kion fari. Estas bonaj litoj kaj bona manĝado en la doma restoracio.

La teamo de la Beneluksa Kongreso, LEA – Limburgo Esperanto Ascocio

## En Francio

En kaj ĉirkaŭ **Kastelo Greziljono**:
en julio: maratona Esperantokurso, ĉiĉeronado en la regiono, internacia konferenco de OSIEK; en aŭgusto: semajno por infanoj kaj familio
Informoj: gresillon.org

## En Lisbono / Portugalio

**La 103a Universala Kongreso de UEA** Informoj: www.uea.org

# Kio okazis

### Prelego pri la iama Esperanto-Domo en Arnhem



La 25-an de majo 2018 en la sidejo de ekspoziciejo *Zinedepo* okazis prelego pri Esperanto kaj la Esperanto-Domo en Arnhemo - tre aktiva eduka Esperanto-centro inter 1930 kaj 1940.
La Esperanto-Domo estis donaco de la komunumo Arnhem al Andreo Cseh, kiu en ĝi donis Esperantokursojn al centoj da homoj.
La preleganto estis Marc van Elburg - estro de la Zine-biblioteko kaj aktivulo de la arnhema artista klubo. Nome de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) ĉeestis Jolanta van Holstein, sekretario de IEI, kiu rakontis pri Esperanto kaj la postmilita historio kaj nuntempa agado de Internacia Esperanto-Instituto.

### Esperantoklubo en Utrecht fondita

La unua Duolingo-kunveno en Utrecht, la 14an de junio organizita de Nederlanda Esperanto Junularo (NEJ), estis granda sukceso kun dek partoprenantoj, inter kiuj kelkaj novaj vizaĝoj. Oni faris bonvenigajn kaj lingvoludetojn kaj tiel longe klaĉadis ke iu preskaŭ maltrafis sian trajnon...
Dum ĝi oni fondis **EKU**-n, la **Esperanto-Klubo Utrecht**.
Sukceson kaj gratulon al ĝi!

### Festa malfermo de la nova sidejo de FEL / La Verda Stelo

Je sabato la 16a de junio Flandra Esperanto-Ligo (FEL) kaj la Antverpena Grupo La Verda Stelo per grandioza festo malfermis sian novan sidejon Lange Beeldekensstraat 169, 2060 Antwerpen. Ni tre kore gratulas niajn karajn najbarojn pro tio.

# Kio okazos post kelka tempo

(sed jam notu en vian agendon!)

- La DRONGO lingvofestivalo rekomencis siajn preparojn! Ĉijare je **vendredo la 9a kaj sabato la 10a de novembro 2018** ĝi estos gasto de la **Radboud Universitato en Nijmegen.**
  Per aktuala programo la festivalo donas inspiron kaj valorajn kontaktojn por ĉiu kiu ŝatas lingvojn. Okazos kulturaj prezentadoj, rapidkursoj kaj debatoj.
  Ankaŭ Esperanto Nederland ĉeestos per informobudo.

- Ĉar NoSoBe (Nederlanda Societo de blindaj kaj malforte vidantaj Esperantistoj) fondiĝis en 1929, sekvontjare ni festos nian naŭdekjariĝon. Nia jara kunveno regule okazas en la konferencejo "Dennenheul" (Paul Krugerweg 45, 3851 ZH Ermelo), ĉi-foje **14-16 aprilo 2019**.
  Por fruaj aliĝantoj la prezo, normale 210 eŭrojn, trioniĝas.
  Detalojn petu de la sekretario Elise Lauwen: eliselauwen@gmail.com

- Kaj kompreneble: studsemajnfino de Esperanto Nederland **je la 19a, 20a kaj 21a de oktobro 2018**. Vidu paĝojn 15 kaj 16 de ĉi tiu Fenikso.

# Ekkonu niajn membrojn



**Jean-Jacques Wintraecken**

Kiam vi lernis Esperanton?
Mi eklernis Esperanton en 1993.
Kial vi lernis Esperanton?
Kiel infano kaj junulo mi loĝis kun miaj gepatroj en diversaj Eŭropaj landoj (mia patro estis ĵurnalisto). Kiam mi estis 15-jara, mi jam flue parolis kvin lingvojn.

Estas pro tio ke mi ĉiam interesiĝis pri lingvoj, kulturoj, kaj tiel plu. Kompreneble, mi aŭdis kaj legis pri Esperanto, sed neniam decidis lerni ĝin. Ĝis unu tago, mia edzino hazarde vidis anonceton en la loka gazeto de nia tiama loĝurbo pri Esperanto-kurso, kiun oni planis organizi. Ŝi decidis aliĝi al la lecionoj kaj lerni Esperanton. Kiam ŝi revenis la unuan fojon de la kurso, mi trafoliumis la lernolibron, kiun ŝi kunportis. Mi tuj estis trafita de la simpleco kaj la logikeco de la gramatiko de la lingvo kaj subite decidis eklerni ĝin.

Kiel vi lernis Esperanton?
Pro mia laboro mi ne havis tempon ĉeesti la kurson kun mia edzino. Mi do prunteprenis el la publika biblioteko Esperanto lernolibron kun sonkasedoj. Tiam ni loĝis apud Den Bosch kaj mi faris projekton en Amsterdamo. Pro tio mi devis pasigi multan tempon en la aŭto starante en longaj trafikvicoj. Atendante en la trafiko mi aŭskultis la kasedojn kaj tiel lernis la lingvon. Laŭgrade mi iomete aktiviĝis en Esperantujo. Poste naskiĝis nia filo, kreskis la premo de mia laboro kaj malgrandiĝis mia libera tempo. Pro manko de tempo mi faris nenion plu per kaj por Esperanto, sed neniam tute forlasis Esperantujon.
Nelonge post mia emeritiĝo, nun antaŭ tri jaroj, mia edzino donacis al mi tre interesan libron pri la historio de Neŭtrala Moresneto. Ni decidis viziti tiun regionon kaj la urbon Kelmis. Tie mi decidis relerni Esperanton kaj reaktiviĝi.

Kion vi faras per Esperanto?
Mi publikigas artikolojn, ĉefe pri scienco kaj tekniko, kiel korespondanto en Nederlando de la revuo Monato. Mi faras tion por montri ke Esperanto perfekte taŭgas por pritrakti modernajn sciencajn kaj teknikajn temojn kaj por kontribui al la lingvo, trovante novajn vortojn por novaj, nuntempaj konceptoj.
Krome, mi laboras kiel 'onklo' en la projekto Ekparolu de Edukado.net. En tiu projekto la geonkloj helpas komencintojn de la lingvo (la 'genevoj') memfide paroli en Esperanto.
Laste, mi preparis, surbaze de unu el miaj artikoloj, bone ricevitan prelegon titolatan "Ĉu kapteblas la tempo? - Pri tempomezurado tra la jarcentoj", kiun mi prezentis ĉe la Amsterdama Rondo, la Esperanto klubo de Eindhoven kaj la klubo La Verda Stelo en Antverpeno.

Kromaj informoj
Mi loĝas kun mia edzino en Venray. Krom Esperanto, esperantaĵoj kaj lingvistiko, mi havas diversajn aliajn ŝatokupojn. Mi interesiĝas pri scienco ĝenerale kaj astronomio aparte, kaj por spaca esplorado kaj astronaŭtiko. Mi estas longdistanca kuristo, trejnadas min trifoje ĉiun semajnon ĉe nia atletika klubo kaj fojfoje partoprenas vetkuradojn. Krome, mi ŝatas ludi gitaron.



**Ekkonu niajn membrojn**

**Simon Smits**

Kiam vi lernis Esperanton?
Fine de la 1959-aj jaroj.

Kiel vi lernis Esperanton?
Mi sekvis lecionon ĉe "Nederlands Talen Instituut N.V." en Rotterdam; instruistino estis s-ino D.C.G. Kosters-Enuma.

Kial vi lernis Esperanton?
Ĉar mi iafoje aŭdis en la radio elsendon pri la internacia lingvo Esperanto. Mi tiam rememoris ke en mia meza lernejo mi devis lerni tri fremdajn lingvojn, sed oni neniam parolis pri la ebleco uzi unu internacian lingvon.

Kion vi faras per Esperanto?
Mi havas amikajn kontaktojn kun personoj en kelkaj landoj, i.a. Pollando.

Kromaj informoj
Mia aĝo estas 84jara; mia antaŭa profesio: komunuma funkciulo; miaj okupoj estas la Esperanto-movado (redaktado, informado), muziko (klasika), bilardludo.

## Konigu vian urbon

**Wikipedia** estas **enciklopedio sur Interreto**. En ĝi oni povas trovi amason da sciindaĵoj: pri birdoj, pri plantoj, pri sporto, pri historio, pri tekniko, ktp. ktp.
La enciklopedio estas en centoj da lingvoj, **ankaŭ en Esperanto** kun la nomo **Vikipedio**! Ĉiu povas mem enmeti faktajn informojn en ĝin.
En ĝi ankaŭ estas informoj pri landoj kaj urboj. **Ĉu via urbo aŭ vilaĝo jam estas en ĝi?** Vi povas kontroli tion. Iru al la interretejo eo.wikipedia.org kaj en la serĉofaketo tajpu la nomon de via loĝloko. Ĉu via urbo aperas? Kaj ĉu la informoj estas ĝustaj?

Peto al niaj membroj:
Se vi loĝas en Emmeloord, Almere, Heerenveen, Heiloo, Venray, Rijswijk, Uden, Doetinchem aŭ alia interesa urbo kiu ankoraŭ ne estas en Vikipedio bv. respondi la subajn demandojn (prefere en Esperanto, sed povas ankaŭ en la nederlanda lingvo).
En Fenikso ni esperas publikigi la informojn de almenaŭ unu urbo aŭ vilaĝo kaj poste ni enmetos ilin en Vikipedion. Se eble, aldonu foto(j)n de vidindaĵo(j).

Demandaro:

*Kiel nomiĝas via urbo/komunumo? Kiom da enloĝantoj ĝi havas?*
*Al kiu provinco ĝi apartenas? Kiel nomiĝas la urbestro?*
*Kiuj vidindaĵoj estas en via urbo/komunumo?*
*Kiuj gravaj historiaj eventoj okazis en ĝi? Kiam?*
*Kiuj gravaj eventoj (pri sporto, muziko, teatro, ktp.) regule okazas?*
*Kun kiuj urboj via urbo/komunumo havas ĝemeliĝon ('stedenband')?*
*Ĉu en via urbo/komunumo estas Esperanto-klubo aŭ Esperanto-grupo aŭ kiom da esperantistoj en ĝi loĝas?*
*(Evt. aliaj interesaĵoj)*

# La 11 frisaj urboj



Leeuwarden/Ljouwert



Sneek/Snits



IJlst/Drylts



Sloten/Sleat



Stavoren/Starum



Hindelopen/Hylpen



Workum/Warkum



Bolsward/Boalsert



Harlingen/Harns



Franeker/Frjentsjer



Dokkum/Dokkum

La 11 frisaj urboj estas konataj pro la t.n. sketitinero trans la frostiĝintaj riveroj kaj kanaloj kiuj ligas tiujn dekunu urbojn. Kompreneble tio nur eblas kiam la glacitavolo estas sufiĉe forta por porti la centojn da partoprenantoj de la veturado. La unua okazis en 1909, la lasta en 1997. Poste ne plu eblis...Sed tre valoras alimaniere viziti tiujn belajn urb(et)ojn.

# Pri la oktobra studosemajnfino

Jam komenciĝis preparaj laboroj por la studosemajnfino je 19-21 oktobro 2018. Ankaŭ jam venis pluraj aliĝoj, do se vi volas certigi al vi partoprenon, nepre ne atendu tro longe antaŭ ol aliĝi!
La programo de la semajnfino estas jam konata al niaj fidelaj partoprenantoj. Vendredvespere oni alvenos, kaj estos tempo por babili kaj interkonatiĝi. Sabate komenciĝos la vera laboro: intensa programo de entute kvin lecionoj, de mateno ĝis vespero. Vespere oni ripozos kaj amuziĝos, kaj eble estos interesa prelego. Dimanĉe daŭros la lecionoj, sed ni ankaŭ rezervos iom da tempo por grupa promenado tra la bela naturo de tiu regiono. Finiĝos la programo ĉirkaŭ la 15-a horo.
Instruado okazos kvarnivele. Ĉe aliĝo vi indiku vian nivelon: absoluta komencanto, lernanto en komenca kurso, ĵusfininto de komenca kurso, aŭ progresinto. La instruadon ĉi-foje prizorgos Piet Buijnsters, Bert de Wit, Roel Haveman, Federico Gobbo kaj Yves Nevelsteen. Ili ĉiuj estas spertaj kaj kapablegaj Esperanto-instruistoj, do estu certa ke vi lernos multe!
Nia kursejo denove estos la naturamika domo Krikkenhaar apud Almelo. Ĝi bonege kontentigis nin la pasintajn fojojn: bela ĉirkaŭaĵo, sufiĉe da dormlokoj, grandaj ĉambroj por kunestado kaj studado, bone ekipita kuirejo.



Dum la tuta semajnfino la kuireja teamo dorlotos nin per bongustaĵoj. Ili estas nur duope, do iom da helpo de la partoprenantoj estos bezonata por tablopretigado kaj forordigado.
Ni esperas bonvenigi multajn el vi en Krikkenhaar!

*Por pli da informoj vidu la dorsoflankon de ĉi tiu Fenikso*

**Het studieweekend in oktober**

De voorbereidingen voor het studieweekend op 19 t/m 21 oktober 2018 zijn in volle gang. Er zijn ook al de nodige aanmeldingen binnengekomen, dus als je verzekerd wilt van deelname, wacht dan vooral niet te lang met je aan te melden!
Onze trouwe deelnemers weten al hoe het programma van het studieweekend eruitziet. Vrijdagavond komen we aan en is er tijd om bij te praten en kennis te maken. Zaterdag begint het echte werk in de vorm van een intensief programma van in totaal vijf lessen, van ’s ochtends tot in de avond. ’s Avonds is er gelegenheid voor ontspanning en gezelligheid, en misschien is er nog een interessante lezing. Zondag gaan de lessen verder, maar er wordt ook wat tijd ingeruimd voor een gezamenlijke wandeling door de mooie natuur van deze regio. Het programma is om een uur of drie ’s middags afgelopen.
Er wordt op vier niveaus les gegeven. Bij de aanmelding geef je je niveau op: absolute beginner, bezig met een beginnerscursus, beginnerscursus net afgerond, gevorderde. Het onderwijs wordt deze keer verzorgd door Piet Buijnsters, Bert de Wit, Roel Haveman, Federico Gobbo en Yves Nevelsteen. Allemaal ervaren en zeer kundige Esperanto-docenten, dus je zult zeker een hoop opsteken!
Als cursusgebouw hebben we weer het natuurvriendenhuis Krikkenhaar afgehuurd, in de buurt van Almelo. Dat is ons de laatste paar keer prima bevallen: een mooie omgeving, voldoende slaapplaatsen, grote gemeenschaps- en lesruimtes, een goed uitgeruste keuken. Tijdens het hele weekend staat de keukenploeg voor ons klaar. Zij zijn maar met zijn tweeën, dus er is wel wat hulp van de deelnemers nodig bij het tafeldekken en opruimen.
We hopen we jullie in groten getale in Krikkenhaar te kunnen verwelkomen!

Ineke Emmelkamp, Lilian van der Burgt, Arjen-Sjoerd de Vries

*Voor verdere informatie zie de achterkant van deze Fenikso*

ESPERANTO NEDERLAND

# ESPERANTO Studieweekend

**Voor wie** Als je nog nooit Esperanto hebt geleerd, of jouw Esperanto is nog niet zo goed als je zou willen, ben je van harte welkom. Er wordt op verschillende niveaus les gegeven. De nadruk ligt op het oefenen van het spreken in Esperanto in kleine groepen.

**Wanneer** Het **volgende studieweekend** vindt plaats op **19, 20 en 21 oktober 2018**.

**Waar** Natuurvriendenhuis Krikkenhaar, Krikkenhaar 11, 7627 PA Bornerbroek.

De **kosten** voor dit studieweekend bedragen € 75,- pp. (leden van Esperanto Nederland en NEJ € 65,- pp.)
In de prijs zijn inbegrepen: lessen, het overige programma, overnachtingen, maaltijden, koffie en thee tussen de lessen.
De deelnemersbijdrage van deze bijeenkomst is laag. We willen iedereen een kans geven om deel te nemen.
Wil je een **extra financiële bijdrage** leveren, geef dan aan op het aanmeldingsformulier met wat voor bedrag je de bijeenkomst wil steunen. Elke bijdrage is welkom.

**Meer informatie** en het aanmeldingsformulier staan op de website van Esperanto Nederland:
**http://esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php**
of zijn te verkrijgen bij Ineke Emmelkamp (zie colofoon op pag.2)




FENIKSO
23a jarkolekto, n-ro 4
julio - aŭgusto 2018

*Eventueel retouradres:*
Esperanto Nederland
Ledenadministratie
Vaartweg 24G, 8382 EB,
Frederiksoord, Nederland